22a Jaro - Nº 7 (233) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Julio 1936

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO :
Maur. JAUMOTTE
44. Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA



P. Ĉ. K. de Belga Ligo [illegible] : Nº 1337.67

AVO, PATRO, I[illegible].

# Bruĝo, La Louvière, Antverpeno.

La jubilea Kongreso estas for. En la sekvantaj paĝoj, vi trovos raporton pri ĝi. Tiuj, kiuj ĉeestis, — kaj ke ili estis multnombraj, vi ĉiuj scias — tre certe jam atestis en la diversaj urboj belgaj kaj en la ĉirkaŭaj landoj, pri la plena kontentiĝo de la kongresanaro, kiu, post tri tagoj da laboro, da festoj kaj da vizitoj, disiĝis, plikuraĝigita per tiu ĉi kune travivita kongreso, kiu ion plian alportis al ni ol ĉiuj antaŭaj.

La Kongreso de La Louvière alportis efektive al la ĉeestantoj, la plenan certecon pri la tuta re-vigliĝo de nia movado belga, post iom stagna periodo.

Mi ne scias, ĉu ĉiuj kongresanoj havis tiun saman agrablan senton kiel mi, kiam ili vidis, ĉe sama festentablo, la reprezentantojn de niaj tri kongresoj, la estinta, la estanta, la estonta, kiuj ŝajnis kunlabori kune, kvazaŭ tiu triunuo nur fakte estus unuo nedividebla.

Ĉiuj scias, ke F-ino Thooris, al kiu la L. K. K. de La Louvière donis la titolon de «baptopatrino», ne kontentiĝis pri titolo, sed fakte faris gravegan laboron kaj helpis ne nur per konsiloj, sed ankaŭ per agoj.

Kaj ĉiuj ankaŭ rimarkis, ke, kiam venis la vico de la Prezidanto de la L. K. K. de Antverpeno, por fari alvokon por la Kongreso de 1937, la vortoj jam estis antaŭe forprenitaj de li, pro la fakto, ke la dankvorto de S-ro Tassin estis nur varma esperkrio, ke Antverpeno povu sukcesi ankoraŭ pli belege ol La Louvière.

Ne plu ni estas personaj individuecoj, ne plu niaj grupoj estas lokaj privataj societoj.

Ĉiu konscias, ke nia movado nur povas antaŭeniri, se la individuoj forgesas en sia propagando sian propran personecon, se la grupoj forgesas siajn lokajn preferojn, por nur, en ĉio, havi antaŭ la okuloj la grandan celon, kiun ni volas kune efektivigi.

Kaj en tia spirito ne estas eble, ke nia movado ne prosperu.

Post nia bela Kongreso de Bruĝo, jam ni sentis, en diversaj lokoj, la emon restarigi aŭ ekstarigi grupetojn. En La Louvière ni havis la okazon sperti, ke le semoj disjetitaj per la Kongreso de Bruĝo jam estis kreskiĝintaj.

Ni ne dubas, ke baldaŭ, speciale nun ankaŭ en la valona parto de la lando, ni sentos la sekvojn de la bonega sukceso de la Kongreso de La Louvière.

Estas tial, — kaj ne nur ĉar Kongreso alportas al ni belajn tagojn de amikiĝo kaj de plezuro, — ke ni, ĉiujare, devas helpi al la sukcesigo de niaj naciaj kongresoj.

Estas tial, ke post Bruĝo, post La Louvière, Antverpeno ankaŭ devas esti triumfo.

Triumfi, t. s. devigi ĉiujn, ne nur oficialulojn kaj ĵurnalojn sed ankaŭ la popolamason, vidi nin kaj paroli pri ni. Tion oni en granda urbo nur povas, se oni estas multnombraj, se vere la elekto de la salonoj, kie io okazas, montras, ke ni ne nur estas eble kvalitplenaj homoj, sed ankaŭ, ke ni estas multnombra legio.

Tial precipe, ĝojigas nin tiom, ke jam pli ol 60 membroj aliĝis al nia Kongreso de 1937 kaj ke 54 jam ensendis sian kotizon.

Tio jam estas bela forirbazo por la L. K. K., kiu ĵus stariĝis. Sed estas nun ĉies devo helpi, daŭre helpi, por ke tiu nombro kresku.

La Kongreso okazos en urbo, kie oni ne devas timi pri la loĝado, pri la trovo de salonoj por okazigi festojn kaj festenojn.

Nur estas necese, ke la gvidantoj sciu sufiĉe frue, kiom da kongresanoj ili povas atendi.

Tial tiu ĉi ĉefartikolo kiu estas presata ĵus antaŭ la raporto de la Kongreso de La Louvière, — raporto, kiu devas esti la glorkanto je l'honoro de S-ro Tassin kaj de liaj kunlaborintoj — finiĝas per alvoko al la daŭrigo de niaj klopodoj por sukcesigi niajn kongresojn, alvoko, kiun ni resumas per :

Vivu la tri fraturboj Bruĝo, La Louvière, Antverpeno ! Vivu la belga movado !

Maur. JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## XXV^a Belga Kongreso de Esperanto

### La Louvière 30-31^a Majo- 1^a Junio 1936

### Ĉiuj al La Louvière.

Malvarma, malbela, malseka vetero estis subpreminta nin dum la tagoj,kiuj antaŭiris la Kongreson kaj,kun melankolio, ĉiumatene en tiu lasta semajno antaŭ la por ni grava okazintaĵo, ĉiuj estis ekrigardintaj tra la fenestro...

Fine, la sabato alvenis. Iom pli bona ŝajnis la vetero, sed tamen neniu riskis foriri, ne kunprenante surtuton kaj pluvombrelon.

Kaj dum la vagonaroj el la diversaj direktoj alkuris al La Louvière kaj alportis tien la unuan kontingenton de kongresanoj, en la aretoj de amikoj, la temo « vetero » estis la plej multe priparolata.

Kiam tamen okazis la alveno en La Louvière ni estis bonvenigitaj, ne nur per bela verda alloga banderolo, ne nur de tute afablaj membroj kaj helpantoj de la L. K. K., sed ankaŭ per beleta vetero, kiu permesis ĉiujn esperojn.

### Al la Turisma Federacio.

Post disdono de la necesaj paperoj, post ricevo de la bezonataj informoj, ĉiuj rapidis al sia hotelo, por demeti la pakaĵojn kaj dum tiu, por la plimulto, vere eta promenado, ĉiuj havis la okazon vidi, ke La Louvière, pro la kongresa okazontaĵo, estis vere verdigita.

La Louvière posedas nur du grandegajn stratojn plenvivajn, en kiuj estas la grandaj hoteloj, magazenoj, kafejoj, kaj al kiuj alfluas ĉiuj la stratetoj de tiu en nur duonjarcento tiel rapide kreskiĝinta industria urbo.

Sed ĉiu, kiu preterpasis tiujn du stratojn dum la Pentekostaj tagoj, ne povis ignori nian Kongreson. Je dek diversaj lokoj, ni vidis nian verdan flagon en diversaj modeloj. Ĉiuj ejoj, kie io estis okazonta, estis montritaj per granda flago. Ankaŭ do la imponega kastela domo de la Turisma Federacio, ankaŭ do la urbdomo, kie okazos oficiala akcepto.

Post kiam ĉiuj estis revenintaj al la akceptejo, — la ordinara kunvenejo de la grupo —, oni de tie foriris al la « Closière », kie ni estis akceptataj de S-ro Parent, kiu faris al ni belan paroladon en nia lingvo.

S-ro Parent senkulpigis sin, se li ne tute korekte parolas nian lingvon, li diris sian simpation por ĝi, simpation, kiu ripozas sur la sperto, kiun li en internaciaj kongresoj havis pri la malfacilajoj, kiujn alportas la lingvodiverseco.

Li bonvenigis la kongresanojn en tiu « nigra lando », kies naturbelajojn li tamen volis prezenti.

Li memorigis pri la artaj kaj historiaj vidindaĵoj, kiujn oni ankaŭ povas admiri en tiu parto de Belgujo, kiun multaj belgoj bedaŭrinde nur konas kiel industria regiono.

S-ro Parent al kiu S-ro Tassin estis prezentinta la kongresanojn, estis varme aplaŭdata.

S-ro Jaumotte, ĝenerala sekretario-kasisto, substrekis la grandan ĝojon, kiun ĉiuj havis, kiam ili, kiel unua bonveniga vorto, estis aŭdintaj Esperanto-paroladon.

Li atentis pri la bona antaŭsigno, kiu kuŝas en tiu fakto, por la XXV-a Kongreso.

### La laborkunsido.

En nesolena, sed tamen kompakta sekvantaro, oni reiris al la centro de la urbo ĝis al la librejo Falise, kie ni povis admiri ekspozicion de Esperantaĵoj, kiu ne nur povis interesi eksterstarantojn sed ankaŭ Esperantistojn. Dank' al la afabla helpo de la Bruĝa grupo estis tie kelkaj maloftaj dokumentoj, inter kiuj leteroj de D-ro Zamenhof, propramane skribitaj.

Je la 8-a 1/2, S-ro P. Kempeneers, prezidanto, malfermis la kunsidon kaj, post bonvena vorto, faris diversajn komunikojn.

Poste, li detale klarigis la demandon pri U. E. A. kaj petis

## XXVI-a Belga Esperanto-Kongreso

### Antverpeno, 15-16-17 Majo 1937

*1-a INFORMBULTENO.*

Sen komentarioj, la L. K. K. prezentas sian unuan liston de Kongresanoj, kiuj pagis. Krome 9 samideanoj jam ensendis aliĝilon, por kiu tamen la mono ne jam atingis nin je la 15-a de Junio :

| | | |
|---|---|---|
| 1. | S-ro André Tassin | La Louvière |
| 2. | S-ro Paul Kempeneers | Bruselo |
| 3. | F-ino Yvonne Thooris | Bruĝo |
| 4. | S-ro Leon Cogen | Ninove |
| 5. | S-ro Maurice Jaumotte | Antverpeno |
| 6. | S-ro Hector Boffejon | Antverpeno |
| 7. | S-ro Auguste Faes | Antverpeno |
| 8. | S-ro Jacques | La Louvière |
| 9. | S-ro Swinne | Bruselo |
| 10. | S-ino D. Kempeneers | Bruselo |
| 11. | S-ino L. Cogen | Ninove |
| 12. | S-ino M. Jaumotte | Antverpeno |
| 13. | S-ino M. Boffejon | Antverpeno |
| 14. | S-ino Lucette Faes | Antverpeno |
| 15. | S-ro Roger Jaumotte | Antverpeno |
| 16. | S-ino H. Schoofs | Antverpeno |
| 17. | S-ro Leon Schoofs | Antverpeno |
| 18. | S-ino Van Boekel | Antverpeno |
| 19. | F-ino Maria Jacobs | Antverpeno |
| 20. | F-ino Julia Dubois | Antverpeno |
| 21. | F-ino Mathilde Hofkens | Antverpeno |
| 22. | F-ino Hélène Hofkens | Antverpeno |
| 23. | F-ino Jeanne Loquet | Antverpeno |
| 24. | S-ro Jules Ginsburg | Antverpeno |
| 25. | S-ro Paul Blaise | Londono |
| 26. | S-ro Moy Thomas | Londono |
| 27. | S-ro E. Pomérol | Boulogne-Billancourt |
| 28. | S-ro Albéric Humez | Douai |
| 29. | S-ino Suzanne Humez | Douai |
| 30. | S-ro Albert Thooris | Bruĝo |
| 31. | S-ro Charles Poupeye | Bruĝo |
| 32. | S-ino Gabrielle Poupeye | Bruĝo |
| 33. | F-ino M. M. Vanden Berghe | Bruĝo |
| 34. | S-ro F. De Bel | Bruĝo |
| 35. | F-ino Ant. Jennen | Bruselo |
| 36. | F-ino S. Obozinski | Bruselo |
| 37. | S-ino Félicie Staes | Bruselo |
| 38. | F-ino Mathilde Kestens | Bruselo |
| 39. | S-ro Lode Bas | Bruselo |
| 40. | S-ro Henri Castel | Bruselo |
| 41. | S-ino L. Castel | Bruselo |
| 42. | S-ro Jules Alofs | Bruselo |
| 43. | S-ro Petro Hart | Bruselo |
| 44. | S-ino J. Hart | Bruselo |
| 45. | F-ino Juliette Nachtergaele | Gento |
| 46. | S-ro J. Vancoppenolle | Ronse (Renaix) |
| 47. | S-ro Martens A. | Antverpeno |
| 48. | S-ro Guillaume Loquet | Antverpeno |
| 49. | S-ro Robe t Groverman | Gentbrugge |
| 50. | S-ro Pierre De Vooght | Bruĝo |
| 51. | S-ino De Vooght | Bruĝo |
| 52. | F-ino Monique De Vooght | Bruĝo |
| 53. | S-ino Angèle Gruslet | Gento |
| 54. | S-ro Oscar Van Dijck | Antverpeno |

la delegitojn, ke ili ĉiuj voĉdonu, por subteni la estraron, la translokigon al Londono.

Al la diskuto, kiu sekvis, partoprenis S-roj Jaumotte,



La Kongresanoj antaŭ la urbdomo. — La urbestro sidas meze de la estraro.

Boffejon, Bingham kaj kelkaj aliaj.

S-ro Jacobssohn parolis pri lia sperto en la Konferenco Internacia por la Paco, kiu okazis, antaŭ kelka tempo, en Bruselo.

Post anoncado pri la Scherer-vojaĝo kaj pri invito, kiun faris Belga Ligo por ke nia svisa samideano vizitu ankaŭ la belgajn grupojn, la sekretario enskribis diversajn membrojn laŭprofesie, por esti utilaj en diversaj fakaj propagandagadoj.

Post tiu ĉi oficiala laborparto, oni aŭdis S-ron Van Coppenolle, ĉe la pianoforto, S-ron Masselier, kiu kantis kelkajn popularajn kantojn, kaj S-ron Moy Thomas en lia repertuaro.

Iom post noktomezo, ĉiuj reiris hejmen, por enlitiĝi kaj sin, tiel, bone prepari por la sekvontaj tagoj.

## Prediko en Esperanto.

Dimanĉe matene okazis dum ordinara meso en paroha preĝejo, la kutima Esperanto-prediko de Pastro De Meyer.

Antaŭ do miksita aŭdantaro, inter kiu kompreneble multaj ne-Esperantistoj, Pastro De Meyer koncize, sed tute trafe, diris vortojn de paco.

## Al la urbdomo.

Pro la speciala lokiĝo de La Louvière, ne estas grandaj distancoj por iri de kiu ajn ejo al alia.

De la preĝejo al la urbdomo nur kelkcent metroj estas irotaj.

En la urbodomo, la kongresanoj estis akceptataj en la urbestra labor-ĉambro, kiu, post kelkaj sekundoj estis plenplena.

S-ro Tassin, nome de la L. K. K., prezentis la kongresanaron al la unua magistrato de La Louvière.

S-ro Ghislain, franclingve, respondis kaj bonvenigis ĉiujn. Li diris sian ĝojon pro la fakto, ke la Esperantistoj elektis La Louvière por sia jubilea kongreso.

Li esprimis la deziron, ke iliaj laboroj povu esti fruktedonaj kaj senkulpigis sin, ĉar li ne rekte povis komprenigi sin de ĉiuj kaj devis peti la prezidanton esti lia interpretanto por esprimi al ĉiuj belgaj kaj eksterlandaj vizitantoj, la korajn sentojn de la enloĝantaro de La Louvière.

S-ro Kempeneers, kiel Prezidanto de la Reĝa Belga Ligo Esperantista, siavice dankis la urbestraron, pro la afabla akcepto kaj la urbestron pro la kuraĝigaj vortoj, kiujn li elparolis.

La ŝaŭmvino tiam aperis, kaj post kiam ĉiuj estis kune en Esperanto kaj S-ro Masselier aparte en franca lingvo kantinta « La Espero », ĉiuj trinkis je la sano de la urbestro kaj je la bonfarto de La Louvière.

Sur la ŝtuparo de la urbdomo, okazis tiam la fotografado, kaj feliĉe la pluvo, kiu dum la nokto kaj ĝis matene estis falinta, bonvolis halti kaj ni povas diri, forlasis nin, ĉar efektive la tuta kongresaranĝo povis esti efektivigita, sen plia interveno de nia kvazaŭ nacia kaj speciale ĝojforiga pluvo.

Ke tiu fotografado same bone sukcesis, kiel ĉiuj aliaj punktoj de la programo, pruvas la apuda kliŝo.

## La solena kunsido.

Sekvantare, oni tiam promenadis ĝis en la urba parko, kiu estas belega verda oazo en la industria La Louvière.

Tie, en unika kadro, montriĝas vere impona kaj interesa monumento : la memorŝtono al la mortintoj de la milito, soldatoj kaj civiluloj.

Akompanata de G-roj Tassin, S-ro Kempeneers demetis belan florgarbon nome de la kongreso, kaj S-ro Masselier, nome de la francaj partoprenantoj.

Post minuto da silento, promenade, oni iris al la kinematografejo « Palace », kie estis okazonta la solena kunsido.

Ĉe la estrara tablo kunsidis S-ro Kempeneers, prezidanto ; F-ino Yvonne Thooris kaj S-ro Cogen, vicprezidantoj ; S-ro Jaumotte, ĝenerala sekretario-kasisto, S-ro Poupeye, sekretario ; S-ro Boffejon, anstataŭanto-ĉefdelegito.

S-ro Kempeneers faris la unuan paroladon en kiu li mallonge skizis rerigardon al la pasinta jaro.

Li memorigis la mortintojn kaj havis specialan vorton por nia bedaŭrata ĝenerala sekretario S-ro Henri Pétiau, kiu forlasis nin jus kelkajn semajnojn antaŭ nia Kongreso.

S-ro Petiau, kiu naskiĝis en Grosage, apud Belœil en

Hanagovio la 1-an de Junio 1877, do ne plene estis atinginta sian 59-an jaron, kiam kruela morto forrabis lin, preskaŭ subite, el nia mezo.

Starante la kunvenantaro pripensis dum minutó da silento la karajn mortintojn.

Poste ni aŭdis la raportojn de la ĝenerala sekretario kaj de la kasisto, ambaŭ prezentitaj de S-ro Jaumotte, kasisto, kiun la estraro petis plenumi, almenaŭ ĝis reguligo de la situacio, la gravan taskon de ĝenerala sekretario.

El ambaŭ raportoj, evidentiĝas, ke la situacio de la Reĝa Belga Ligo Esperantista estas vere favora, se ni konsideras la nunajn cirkonstancojn.

Kiel kasisto S-ro Jaumotte tamen faris alvokon al la monujoj kaj kolekto farita de F-ino MM. Van den Berghe akiris al la kaso, post daŭrigo dum la festeno, la belan sumon de Fr. 1095, kiun estrarano tiam ĝisigis ĝis **Fr. 1.100.**—

S-ro Kempeneers tiam proponis la leĝigon, kiel « Societo sen Profita celo », de nia nacia Ligo. Post legado de la artikoloj farita notari-maniere de S-ro Jaumotte, la nova statuto estis aprobita.

S-ro H. Boffejon, anstataŭanta ĉefdelegito de U. E. A. raportis mallonge en la nomo de S-ro De Ketelaere.

Diversajn salutojn, alportis, alilandaj kongresanoj.

Fine ankoraŭ okazis kelkaj priparoladoj al kiuj partoprenis diversaj membroj kaj en la plej bona atmosfero la solena kunsido finiĝis.

S-ro Poupeye intertempe oficiale protokolis pri tiu ĉi kunveno. Tiu raporto aperos en sekvanta numero.

## La Festeno.

Kaj tuj, ĉiuj iris al la apuda Hotelo « Excelsior », kie atendis nin bele aranĝitaj tabloj, ne en sufiĉa nombro tamen, ĉar, je la lasta momento, ankoraŭ enskribiĝis dekoj da partoprenantoj kaj, en la salono mem, sin prezentis amikoj, kiuj tute ne antaŭe estis enskribitaj.

Oni do malsupre en la restoracio devis aranĝi pliajn tablojn kaj malfeliĉe ne estis la laste aliĝintoj, sed la laste envenintaj samideanoj, kiuj tie devis sidi.

Malgraŭ tiu malagrablaĵo, la spirito restis bonega kaj ni tial speciale povas danki tiujn kiuj sin oferis por ne malaranĝi tiun belan feston.

Je la honortablo,prezidis S-ro Kempeneers,kun dekstre de li la urbestro S-ro Ghislain, S-ino Tassin, S-ino Kempeneers, S-ro Cogen, S-ino Coppée, Pastro de Meyer, S-ino Cogen kaj maldekstre F-ino Yvonne Thooris, S-ro Maur. Jaumotte, S-ino H. Schoofs, S-ro Jacques, S-ro Frère, prefekto de la ateneo, F-ino Jennen, S-ro Coppée direktoro de la mezgrada lernejo kaj S-ro Parent.

Post kiam ĉiuj estis, kun multe da ĝuo, englutintaj ambasadoran supon, diversajn antaŭmanĝajojn, marbordan salmaĵon kun venecia saŭco, rostitan kokidaĵon kaj laktukan salaton, kaj atendis la deserton, oni aŭdis diversajn paroladetojn.

Je la komenco de la festeno, S-ro Tassin estis jam dankanta ĉiujn la kongresanojn kaj siajn kunlaborintojn, sed poste sekvis la toasto al la Reĝo al kiu estis sendita telegramo (S-ro Kempeneers), la toasto al la Sinjorinoj (S-ro Vermuyten, sprita poezio); danka respondo al la Sinjoroj (F-ino Jennen, delikata komplimento kaj propono pri harmonia kunlaboro); toasto al la fremduloj (S-ro Boffejon, kiu konsideras, ke neniu tie ĉi en Esperanta rondo estas fremdlandano) kun kora danko (S-ino Bramkamp, kiu prikantas la kunlaboron de la estraro kun la membraro), toasto al la ĵurnalistoj de S-ro Jacques, kun esperanta respondo de S-ro Dauchot, dankvorto de la baptopatrino de la Kongreso al la L. K. K. (F-ino Thooris, kiu samtempe donacas du arĝentajn florgarbetojn al S-inoj Kempeneers kaj Tassin) kaj kortuŝita respondo de S-ro Tassin (kiu jam alvokas por Antverpeno) kaj realvoko por la 26-a Kongreso (S-ro Jaumotte, kiu laŭte aplaŭdigas la fakton, ke jam 50 sin enskribiĝis por tiu granda festo de la proksima jaro).

Kvankam ne oficiale antaŭvidita, S-ro Jacques vicprezidanto de la L. K. K. nepre, — kaj kiom kompreneble—, deziris festi speciale la Prezidanton S-ron Tassin, al kiu floroj kaj donacoj estis antaŭmetataj.

Restis la deserto... sed jam la Prezidanto estis forpreninta de la tablo la horloĝon, kiu dum la tuta manĝo kuŝis antaŭ li kaj estis ekstarinta. La tramoj atendis.

La oficiala laŭtparolilo de la kongreso, — ni citu unufoje por ĉiam nian bonan amikon Jaumotte —, incitis ĉiujn leviĝi kaj rapidi por la vojaĝo al Binche.

## En la Urbo de la « Gilles ».

Ĉe la limo de la urbo ĉiuj estis akceptataj de la delegitoj de l' « Malnova Binche ». sub la gvidado de S-ro Meurisse kaj diversaj el liaj amikoj, oni, en du grupoj, faris interesan promenadon en la malnova kvartalo de la urbo, kun ĝiaj malnovaj remparoj parte ankoraŭ bone konservitaj.

Post tiu promenado, sekvis neantaŭvidita akcepto en la urbdomo, kie atendis la Esperantistojn S-ro Derbaix, urbestro kaj diversaj skabenoj kaj urbaj konsilantoj.

Post la prezentadoj, kiujn faris S-roj Kempeneers kaj Tassin, la urbestro diris sian ĝojon bonvenigi en Binche tiel multnombran aron da Esperantistoj kaj esprimis la bedaŭron, ke li ne povis nin akcepti en Esperanto. Tion li tamen faros... ĉe nia proksima vizito al la urbo.

....Nur dependas do de ni, ke tio okazu baldaŭ.

S-ro Cogen esprimis sian kontentecon pro tiu akcepto.

Kaj ree la tramveturiloj atendis kaj je la sepa oni ree estis en La Louvière.

## La vesperfesto.

Kaj kiel la leganto do povas rimarki, ne restis al la kongresanoj multan tempon por iri al la hotelo, alivestiĝi kaj esti akurate en « Palace » por la vesperfesto.

Tial oni tie pardonis ioman prokraston.

Post « La Espero » ĥore kantita de la Bruĝa grupo, ni aŭdis belegan interpretadon de Cavatine, prezentitan de S-ino Ch. Poupeye ĉe l'pianforto kaj S-ro Alb. Hasenbroeckx, violonisto.

Tiam S-ro Masselier, ĝenerala sekretario de franca Asocio de Blinduloj esperantistaj, parolis pri la helpo de Esperanto por la blinduloj kaj kantis, kortuŝe.

S-ro Hector Vermuyten, kun emocio, deklamis « Pala Procesio » de Kalocsay, kaj tiu parto de la programo finiĝis per kantoj de la Reĝa Bruĝa Grupo, kun la akompanado de S-roj Moy Thomas, kaj Hasenbroeckx kaj S-ino Poupeye, kaj sub la gvidado de F-ino Alice Boereboom.

Fine sekvis bruplena kaj vigla dancparto, kiun, je la trafaj momentoj, haltigis F-ino Marcelle Bonge, lerta dancistino el La Louviere, kiu prezentis i. a. « La Morto de l'Cigno», kaj viglan rusan dancon, nia konata amikineto Monique De Vooght, el Bruĝo kiu plej gracie evoluis, kaj la bruĝaj grupaninoj, kiuj prezentis, en belaj kostumoj, la dancon de l'Espero, kiu estis rea pruvo de la sindonemo de ĉiuj.

En ambaŭ partoj, ĉiuj interpretantoj de la programo estis varme aplaŭdataj.

Malgraŭ la fakto ke teatraĵo ne povis esti ludata, pro manko de konvena scenejo, kaj ke la anoncita parolata filmo ne povis esti montrata, ĉiuj per siaj aplaŭdoj montris sian plenan kontentecon.

La dua horo matene vidis la rehejmiĝon de la belga samideanaro.

## Vizitoj.

La oka horo kaj duono tamen jam vidis la hejmforlason de la belga samideanaro, kiu montris, dum la tuta kongreso, veran senlaciĝon, ĉar ĉie kaj ĉiam, la kontingento estis kiel

## XXVIII-a Universala Kongreso de Vieno.

Jen la ĉefaj informoj rilate al la Universala Kongreso, kiu okazos en Vieno de la 8-a ĝis la 15-a de Aŭgusto proksima :

Kotizo : ĝis la 15-a de Julio Sv. Fr. 25,50 ; por familianoj, Sv. Fr. 16 ; por junuloj ĝis 18-jaraj, Sv. Fr. 10,80.

Programo :

Sabaton, la 8-an : Inaŭguro de la Kongreso ; interkonatiĝa vespero.

Dimanĉon, la 9-an : Diservoj. Ekskursoj. Prezentado de la opereto : « La Blanka Ĉevaleto », muziko de Ralf Benatzky ; teksto de Hans Müller, kantoj de Rob. Tillenburg ; Esperanta traduko de Nikolao Hovorka.

Lundon, la 10-an : Inaŭguro de la Somera Universitato. Ekskursoj.

Mardon, la 11-an : Laborkunsido ; fakkunsidoj ; akcepto en Urbdomo ; fotografado ; vizito de Hofburg ; ekskursoj.

Merkredo : 12-an, Somera Universitato ; fakkunsidoj ; konferenco de la virinoj ; ekskurso.

Ĵaŭde, la 13-an : Tuttagaj ekskursoj (aparte pagotaj).

Vendrede, la 14-an : Laborkunsidoj ; ekskurso ; kostumbalo sub la devizo « La Kongreso dancas », en la festsalonegoj de la Imperiestra Kastelo.

Sabate, la 15-an : Solena fermo de la Kongreso.

Poste oni povas partopreni al ekskurso « Tra Aŭstrio », de la 15-a ĝis la 21-a, laŭ jena programo : Vieno ; Graz ; Klagenfurt ; Salskammergut, Gmunden, Linz, Melk, St. Pölten kaj Vieno.

Inter la karavanoj, kiuj kondukos la kongresanojn kaj kiuj povus interesi la belgojn, estas : Brita Esperanto-Asocio (S-ro Goldsmith, Londono) ; « La Estonto estas nia » (Reisbureau L. E. E. N., Amsterdam) ; Societo por Propagando de Esperanto (S-ro Petit, Rosny s. Bois).

---

eble plej kompleta.

La vetero, kiu favoris nin dimanĉe, ĉar ĝi ne subakvigis nin, kiel tio sammomente okazis en aliaj partoj de Belgujo, estis ankoraŭ pli afabla la lundon.

Tiam vere estis varme, kaj ĉiuj nun lasis en la hotelo surtuton kaj pluvombrelon.

Laŭ sufiĉe longa vojo, ni atingis la ŝiplevigilon de Houdeng-Goegnies kaj la tutapudan vitrofabrikejon « Glaver ».

La kongresanoj dividiĝis en du grupoj, por fari sinsekve la vizitojn.

La levigilo speciale funkciis por la Esperantistoj, kiuj povis, per ĝi, supreniri, kaj en la vitrofabrikejo S-ro Van Renterghem, direktoro, donis interesajn klarigojn, kiujn lerte tradukis S-ro Jaumotte.

Por multaj, kiuj neniam vidis tiujn du tre interesajn aferojn, tiuj vizitoj estis vere unu el la plej grandaj allogajoj de la kongreso.

Bela promenado kondukis ĉiujn, akurate je tagmezo, en « Hotelo Mille Colonnes », kie atendis nin pli intima festeneto, sed tute bone organizita.

Tie ĉi la toasta serio estis ankaŭ pli intima, do pli mallonga.

S-ro Kempeneers refoje dankis la L. K. K.-anojn en la persono de S-ro Tassin ; S-ro Jaumotte aplaŭdigis la nomon de S-ro Kempeneers, kiu vigle kaj lerte gvidis la debatojn kaj zorgis por ke ĉio akurate okazu, dum li dum la tuta jaro sin dediĉis al la pliviglige de la grupa kaj liga vivo.

S-ro Boutwood kaj S-ro Moy Thomas ankoraŭ aldonis anekdotojn, post kio S-ro Tassin konkludis per lasta dankvorto.

### Al Mariemont. .

Kaj ree tute kontraŭ la hotelo atendis speciala tramvagonaro.

Senhalte, oni kondukis nin al Mariemont, kie atendis nin, unue ĉe l'eniro de la parko, S-ro Albert Thooris, la amata patro de nia vicprezidantino, kaj, en la muzeo mem, ties amiko S-ro Faider, la konservisto de la kolektoj riĉegaj de tiu escepta muzeo.

Klarigi tiun viziton nian ne estas eble.

Ni diru, ke se la riĉeco estas granda, la vizito tamen sufiĉe rapide povas esti farata kaj tiel okazis, — io mirinda, ĝis nun nevidita en tiu ĉi Kongreso... — post detala vizito de la parko, la kongresanoj ĝuis ankoraŭ libertempon de unu plena horo, antaŭ ol denove envagoniĝi !

Unu horo, dum kiu ĉiuj, en la ombro de grandaj arboj povis, antaŭ beleta kafejo, sidi, trinkante freŝan glason da biero kaj babilante pri la belaj festoj, kiuj jus forpasis... kaj pri la belaj festoj, kiujn la Antverpenaj amikoj jam inter si, sed tamen sufiĉe laŭte por ke ĉiuj povu aŭdi, ekpreparis.

### Rehejmiĝo.

La Louvière : disiĝo... En tiu elsalto de kvarcent kruroj el kvar tramvagonoj, ducent manoj interpremas unu la alian en adiaŭa signo, sed fine nenin ekzakte scias, kiun li jam adiaŭis kaj kiun ne... Sed ne gravas, ne temas pri adiaŭo, sed ĝis baldaŭa revido.

Kiam unu horon poste, multaj denove, hazarde,kun pakajoj renkontiĝis antaŭ la akceptejo kaj kriis lastan dankvorton al S-ro Tassin, brua muzikistaro preterpasis... Kaj vidu, malgraŭ la laceco, malgraŭ la pakaĵoj, sekvantaro formiĝis.

Kaj anstataŭ per tramo iri al Bouvy, tuta grupego da kongresanoj marŝadis kaj dancadis ĝis al la vagonaro.

Plej bona signo pri ĉies kontenteco ! H.

### *Lasta listo de Kongresanoj.*

| | | |
|---|---|---|
| 224. | F-ino Liliana Flarin | Lille |
| 225. | F-ino Yvonne Florin | Lille |
| 226. | F-ino Maria Jacobs | Antverpeno |
| 227. | S-ro Leveugle | Douai |
| 228. | S-ino Leveugle | Douai |
| 229. | F-ino Leveugle | Douai |
| 230. | S-ro Marcel Braet | Nieuwpoort |
| 231. | S-ro Henri Baton | Quiévrain |
| 232. | S-ro Jacques Timmerman | Gento |
| 233. | S-ro Alphonse Parent | Haine St. Pierre |
| 234. | S-ro Hubert Rancher | Douai |
| 235. | S-ro Paul Hanquet | Jodoigne |
| 236. | F-ino Marie Hanquet | Jodoigne |
| 237. | F-ino Stephanie Loozen | Jodoigne |
| 238. | S-ro Demoulins | Douai |
| 239. | S-ro Hankotte | Charleroi |
| 240. | F-ino Hankotte | Charleroi |
| 241. | S-ro Giot | Douai |
| 242. | S-ro Dumoulin | Douai |
| 243. | S-ro S. Mommaerts | Anzin |
| 244. | S-ino S. Mommaerts | Anzin |
| 245. | F-ino André Meyer | Denain |
| 246. | S-ro Gauvin | Denain |
| 247. | F-ino Eliza Rommens | Douai |

* *

Post tiu ĉi raporto, ni volonte enŝovas kelkajn liniojn de S-ro Tassin, kiu meritas ripozon, sed tamen ne volas ĝin preni, antaŭ ol li, refoje, estas dirinta sian grandan ĝojon, vidinte la kontentecon de ĉiuj, kiuj partoprenis nian jubilean kongreson kaj sukcesigis lin ;

ne dirinte ankaŭ koran dankon al la amikoj de la L. K. K., kiuj helpis lin dum la prilaborado kaj precipe S-roj Charles Faure, Emile Jacques, Jules Bonge, Marcel Parfondry, Victor Dauchot, Maurice Daems, kiuj fervore laboris kun li, por fari tion, kio estis necesa, por kontentigi ĉiujn kongresanoj ;

ne memoriginte la kongresanojn pri la fakto, ke la fotografajo ankoraŭ ĉiam estas havebla ĉe S-ro Baugnet, Rue Joseph Wauters, La Louvière, sendante Fr. 10.

# BELGA KRONIKO

## Komitata Kunsido de la 26-a de Aprilo

*(Raporto prokrastita pro lokmanko)*

Ĉeestis : el Antverpeno : S-roj Jaumotte, konstanta komitatano kaj Boffejon kaj Faes, delegitoj ; el Bruĝo : F-ino Thooris kaj S-ro Poupeye ; el Bruselo : F-ino Obozinski kaj S-ro Kempeneers ; el Gento : S-ro Van de Velde ; el La Louvière : S-roj Tassin kaj Jacques ; el Lieĝo : S-ro Bissot kaj el S-ta Mariaburg : S-ino Elworthy-Posenaer, konstanta komitatanino.

Senkulpigitaj estis S-ro De Ketelaere, ĉefdelegito de U. E. A. kaj S-roj Petiau, malhelpata pro malsano ; Babilon, konstanta komitatano, kiu petas eksiĝon el tiu funkcio ĉar li, post kvaronjarcento, ne plu kapablas ĝin plenumi kun la dezirita zorgo; S-ro Van Genechten (Hasselt) kaj S-ro Cafonnette, delegito de la nova grupo, en Charleroi.

Je l' demando de la prezidanto, la kunveno akceptas ankaŭ la ĉeeston de S-ro Swinne, helpanto de la Prezidanto.

Post legado de la letero de senkulpigo de S-ro Babilon estas decidite, sendi al li leteron de kora, varma danko pro la de li plenumita tasko.

Ŝanĝante iomete la ordon de la punktoj pritraktotaj, la Prezidanto proponas la tujan akcepton de la nova grupo de Charleroi, starigita post propagando de la Ligo en la mezo de la « Cercle Polyglotte ». Jam vigla grupo, kiu aligis dekon da membroj, tie funkcias. La akcepto estas unanime decidita.

Post tio, la Prezidanto antaŭ la staranta kunveno, diras nekrologajn vortojn, honore de S-roj Merchant, Kreuz kaj D-ro Van der Biest.

S-ro Jaumotte klarigas tiam la moralan kaj financan situacion de la Ligo. Ĝi estas tia, ke, kun la ankoraŭ normale espereblaj enspezoj por la nuna jaro, oni povas antaŭvidi la daŭrigon de la regula monata aperigo de B. E., sen granda deficito.

Poste, estas priparolata la estonta agado : S-ro Kempeneers klarigas la organizon de la du parolado-serioj, kiuj okazis en kvar belgaj grupoj je iniciato de Belga Ligo. El la priparolado, klare vidiĝas, ke tiuj vizitoj estis tre ŝatataj. La Ligestraro jam antaŭvidas la venigon de aliaj paroladistoj por la proksima vintro.

S-ro Jaumotte klarigas la propagandon, kiun la Ligo faris apud la senatanoj kaj deputitoj, kaj kies rezultaton ĉiuj jam konas intertempe pere de B.E. kaj de la ĉiutagaj gazetoj.

S-ro Tassin tiam, nome de la L. K. K., klarigas la tutan programon de la kongreso de La Louvière, kiu certe bone sukcesos ĉar jam pli ol 150 membroj aliĝis, pli ol unu monaton antaŭ la Kongreso.

La Prezidanto insistas tiam, por ke, jam de nun, oni fiksu la lokon de la Kongreso 1937. Pro kialoj diversaj, la grupo de Antverpeno « La Verda Stelo » estas insiste petata, ĝin organizi.

Tuj S-ro Jaumotte akceptas la aliĝpagon kaj jam 14 membroj enskribiĝis. Jen nova rekordo !

La Prezidanto fine priparolas la internacian organizon kaj la novan situacion de U.E.A. Letero estos sendata al la estraro por ke ĝi profitu tiun ŝanĝon por malpliigi la elspezojn, farante tiujn ĉi, kiel eble plej multe, en landoj kun malalta valuto.

Fine estas legataj la statutoj per kiuj Belga Ligo iĝos « Societo sen Profita Celo ». Diversaj membroj ensendos, dum la dek sekvantaj tagoj, la kelkajn ŝanĝojn, kiuj estis pridiskutitaj kaj poste la estraro kunmetos la definitivan tekston, kiu estos antaŭmetata, al la ĝenerala kunveno en La Louvière.

### Grupa Kalendaro.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 21 h. : kunsido laŭ indikita programo.

Sabaton, la 4-an de Julio : Parolata revuo.

Dimanĉon, la 5-an : Ekskurso per aŭtomobilego al Rotterdam, Scheveningen kaj Hago. Forirhoro 7-a matene, reveno ĉirkaŭ la 11-a. 23 membroj povas partopreni. Kosto : Fr. 60,—.

Sabaton, la 11-an : Parolado de F-ino Hélène Hofkens : Felix Timmermans.

Sabaton, la 18-an : Vizito al la « Nachtegalenhof » (Kunveno, je la 8 1/2 je Kafejo « Dikke Mee » (tramveturiloj 5 kaj 17). Se pluvas, paroladeto de S-ro Faes, en la kunvenejo.

Sabaton, la 25-an : Intima kunsido.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59 ; KUNVENEJO : Kafejo « Vlissinghe » Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

La 5-an de Julio (Dimanĉon) je la 10 1/2-a, sur la Granda Placo. Partopreno en la oficiala sekvantaro okaze de la Kolonia Tago.

Kunvenoj, ĉiuj en la kunvenejo :

La 7-an : Legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto ».— Prez. S-ro Ch. Poupeye.

La 14-an : Kantvespero, gvidado : F-ino A. Boereboom — Fortepiano : S-ino Ch. Poupeye, Violono : S-ro Albert Hasenbroeckx.

Dum la ripozoj « Poŝtmarka Borso ».

La 21-an : Esperantaj Kartludoj, kun premioj. Prez. S-ro G. Groothaert.

La 28-an : a. Priparolado de S-ro G. Groothaert, pri « Protektado kontraŭ batalgasoj ». b. Debato pri libertempoj. Prez. F-ino Y. Thooris.

Ĉe bela vetero, iu el tiuj kunvenoj povos esti anstataŭata per vespera promenado.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

Lundon, la 6-an : BAS ? ? ?

Dimanĉon, la 12-an: Rendevuo je la 16-a h. en la lernejo de la Rue de la Perche — Wipstraat, vizito de la lerneja ekspozicio. Poste, promenado en la parko Duden.

Lundon, la 17-an: S-ro Jacobsohn prelegos.

Lundon, 20-an: Vespermanĝo ĉe la Brusela Foiro. Foriro de « La Sako », je la 20 h. 15.

Lundon, 27-an: Doktoro Maes prelegos pri Militgasoj. Poste, loterio. Ĉiu ano alportu siajn tombolbiletojn, kiujn li ricevis kiel ĉeesta testilon.

LIEĜO. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.**

Perfektigaj kunvenoj:

en Lieĝo (Hôtel du Phare): Ĵaŭdon 9-an de Julio, je 20-a horo.

en Sclessin (Kafejo Dechesne): Ĵaŭdon 2-an kaj 16-an de julio, je 19 h. 30.

Ekskurso al Fonds des Cris, Beaufays (eventuale Tilff okazos Dimanĉon 19-an de Julio. Rendevuo: Tramhaltejo Fonds des Cris (tramoj 14-a aŭ 15-a) je la 15-a horo.

## Grupaj raportoj:

*(En tiu ĉi numero, ni enpresas tiun parton de la raportoj kiun ni prokrastis pasintan monaton; nova parto estas denove prokrastata pro lokmanko).*

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Sabaton, la 18-an, okazis bonsukcesinta literatura vespero, kun la kunlaboro de S-roj De Ketelaere kaj Vermuyten. La unua klarigis la libron de Upton Sinclair « Petrolo », kaj antaŭlegis interesajn partojn; la dua deklamis diversajn poeziojn, kaj ambaŭ estis rekompencitaj per varma aplaŭdo kaj laŭdvortoj de S-ro Boffejon, vicprezidanto.

La 26-an, la Printempa Kabaredvespero allogis multajn gemembrojn. Kunlaboris en ĝi: S-ino Vander Veken-Van Bockel, kiu denove tradukis novajn kantojn, kiujn ŝi ĉe la pianoforto akompanis; S-ino Lucette Faes-Janssens, kiu, unufoje pli, montris sian pianistinan talenton: S-ro Vermuyten, deklamisto; S-ro Ameryckx, S-ro Wouters, humoristo kaj S-ro Vander Veken, kiu prezentis tre bone tipitan « skeĉon ».

La 2-an de Majo, la unua provo per « Parolata Revuo » bonege sukcesis. Krom la estraranoj S-ro Jaumotte, Boffejon kaj Faes, kaj ankaŭ partoprenis en ĝi: S-inoj Schoofs kaj Faes, F-inoj M. kaj H. Hofkens, S-roj Van Dijck kaj Lodema. Tre certe, la dua numero de la revuo ankoraŭ pli bone aspektos!

La 9-an, S-ro Van Dijck faris tre lertan kaj interesan paroladon pri Gheel kaj, post ĝenerala aplaŭdo, S-ro Boffejon dankis lin kore.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Lundon, la 27-an de Aprilo okazis komitatkunveno, kie S-ro Jacobsohn parolis pri sia agado en la junularmediọj, kaj speciale en la Konferenco de la Junularo por la Paco.

Lundon, la 4-an de Majo, Sinjorino Staes faris interesan prelegon pri Julio Baghy, kaj aŭdigis kelkajn kantojn de li.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».** — Ĝenerala kunveno de la grupanoj okazis la 8-an de Majo en la hejmo de S-ino De Rijcke.

Por kompensi iom en la grupaj aferoj la malaperon de nia agema amiko Petiau, oni decidis kompletigi la komitaton per tri personoj: S-ino De Rijcke, S-ino Crislet, S-ro De Rese.

La taskoj estos la jenaj: Prezidanto: S-ro Vandevelde; Vic-prezidanto kaj Sekretario; S-ro Edm. Lödör; Vic-prezidantino kaj festestrino S-ino De Rijcke; Kasisto S-ro De Man; Bibliotekisto S-ro Arpad Lödör; Help-kasistino; S-ino Gruslet; Help-sekretario S-ro De Rese; Help-bibliotekisto S-ro Papp. La unuagradan kurson gvidas S-ro De Man, la duagradan, S-ro Edm. Lödör, la perfektigan, S-ino De Rijcke.

Oni intencas fari dum la Somero, samideanajn kamparajn promenadojn ludi teatraĵetojn, kaj fari amuzajn lingvajn ekzercadojn.

BRUĜO. — **« Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Societo.** — La 14-an de Aprilo, 36 grupanoj ĉeestis kantvesperon, gvidatan de S-ino Poupeye kaj F-ino Boereboom. Du novaj kantoj de S-ro Moy Thomas estis lernataj, post tekstklarigado de S-ro Ch. Poupeye.

La 21-an, okazis korespondа vespero. Sekve al anonco en la « Praktiko » alvenis 27 kartoj kaj leteroj el 9 diversaj landoj; ili estis legataj kaj disdonataj por respondo inter la 38 ĉeestantoj.

La 28-an, S-ro R. Groverman, advokato, faris paroladon pri « Mortpuno », kaj per belaj anekdotoj kaj trafaj konsideroj tute kaptis la intereson de la 40 ĉeestantoj, kiuj varme aplaŭdis la simpatian parolinton.

La 6-an de Majo, en « Café Belge », ĉe samideano Haesenbroekx, antaŭ staranta ĉeestantaro, F-ino Thooris, Prezidantino, anoncis la grandan funebron, kiu nin trafas per la morto de S-ro Henri Petiau, Ĝen. Sekr. de la Belga Ligo. Ŝi raportis pri la enterigo kaj klarigis ke malgraŭ la doloro, oni devas kuraĝe daŭrigi la laboron por la kongreso. Tiel ankaŭ tiam okazis la ripetadoj de la kantoj kaj de la dancoj por la kongresa festo.

## Al la U. E. A. Delegitoj.

**Diversaj delegitoj sin turnis al Belga Ligo por scii, kiamaniere ili voĉdonu, pri la ŝanĝo de la sidejo.**

**Ĉiu voĉdonu laŭ sia konscienco, sed NEPRE voĉdonu TUJ.**

**Ni tamen atentigas pri la fakto, ke la Prezidanto, en La Louvière, insistis por ke oni subtenu la estraron de U. E. A. per JESA respondo, por eviti la plej malbonan solvon, la restadon en Genève.**



**International Friendship League** (Internacia Ligo de Amikeco) kiu fondis E-sekcion, invitas ĉiujn E-istojn al la Libertempa Centro organizata en Cité Universitaire de Bruselo, de la 1-a ĝis 31-a de Aŭgusto kaj al 4 vojaĝoj per aŭtoĉaroj al Han, al Antverpeno-Mechleno, al Bruĝo-Gento kaj al Waterloo. Multaj E-istoj, el diversaj landoj, ĉeestos. Petu kiarigojn kaj kondiĉojn al S-no Nyssens, 31, Avenue de la Chasse, Bruselo.

## Anoncetoj

TURNU VIN AL SAMIDEANAJ FIRMOJ :

EN BRUĜO



### Estraro de « Belga Ligo Esperantista ».

Prezidanto : Dro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel. 44.53.00).

Vicprezidanto : S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.

Vicprezidantino : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat, R. de l'Outre Bruĝo. (Tel. 320.86).

Ĝenerala Sekretario *ad interim* kaj Kasisto : S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno), (Tel. 777.58).

Ĉefdelegito de U.E.A. : S-ro Morris De Ketelaere, 25, Oostenstraat, Antverpeno. (Tel. 962.46).



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.